# Aŭstraliaj Esperantistoj

## Novaĵletero de ĉiuj Aŭstraliaj Esperantistoj

**RETADRESE AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO KAJ NOVZELANDO**

http://beta.visl.sdu.dk/lingvohelpilo/

auto **12/04/2013 Cent sepa Eldono 13/04/2013** SENDITA (unua eldono 26/09/2011)

**Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rspring@tpg.com.au;**

## Redaktisto Roger Springer  Provlegita de Nicole Else

La informa kaj noma paĝoj aperos nur en la dekaj eldonoj

**Brunaj literoj signifas reuzatan sed gravan informon** **ABC malnova**

Nigraj literoj signifas novan aŭ ĝisdatigatan informon **ABC nova**

## Skribu, informu 230 retadresaranojn de AE pri viaj novaĵoj

Vi apartenas al la Esperanta Familio de Aŭstralio. Komuniku

## GRAVAJ DATOJ vidu Tamen Plu redaktas Katarina Taggart

Se vi ne ricevas Tamen Plu aŭ 'Aŭstraliaj Esperantistoj', aŭ ricevas dufoje, informu AE.

## ALKLAKU la hiperligilojn markitajn tiel

### AŭSKULTU ESPERANTAN RETRADION TAGE

Informaj rakontetoj, Bona lingvo,

http://members.aon.at/aldone/peranto/index.html





Maizo baza nutraĵo de jam 5000 jaroj Maizo estas nutra planto el Ameriko kiun la eŭropanoj ekkonis same kiel la terpomojn nur post la malkovro de la nova kontinento en la jaro 1492 de Kristoforo Kolumbo. Intertempe maizo fariĝis en la tuta mondo grava baza nutraĵo kaj maizo nun eĉ estas kultivata en sufiĉe malvarmaj zonoj. Sed kiel aspektis la situacio rilate al nutrado en Ameriko? (Malgranda eltiro el la bona reta programo)

# Esperantaj-RetRadioj. http://esperanto-radio.com/



Inter ili estas la Pola RetRadio, Radio Vatikano, 3ZZZ, Varsovia Vento, Radio Havano Kubo kaj la Kaliningrada E-radio.
Ankaŭ radio Muzaiko

# KLUBNOVAĴO





## Informas la aktivaj kluboj kaj grupoj

La kluboj respondecas pri la ĝisdatigo de la anoncoj **Allogu vizitantojn**

## La kluba listo kreskas





### Ĉu via klubo/grupo kunvenis? as? os?

Maldetala informo sufiĉas. Kiuj ĉeestis? (Ankaŭ NZ kluboj ) rspring@tpg.com.au
Ĉu ĉiu en via grupo ricevas la Novaĵleteron?



## 3ZZZ Radio Melburno http://esperanto-radio.com/3zzzradio

Esperanto-programo estas dissendita de Melburno ĉiun lundon de la 1a ĝis la 2a posttagmeze je 92.3 FM, kiel ero de la multkultura radio 3ZZZ. Por la nemelburnanoj ĝi audeblas per la reto je www.3ZZZ.com.aŭ dum la sekva semajno aŭ iam ajn en la arkivejo www.melburno.org.au dank'al la ligoj de reta radio.

Por ekzisti ĝi bezonas almenaŭ 40 membrojn kaj bezonas arigi ĉiun oktobron $1000. Se vi pensas ke radio estas subteninda ilo por esperantistoj, nepre membriĝu irante al la retejo www.3ZZZ.com.au. La komitato de la Esperanto-radio en 3ZZZ antaŭdankas vin.



## Central Coast Esperanto Club

kunvenas la duan dimanĉon de ĉiu monato 2ptm
Bamboo Buddha Café 221 Wattle Tree Road, Holgate NSW 2250



## La Brisbana Esperanto-Societo

kunvenas la kvaran sabaton de la monato je 1ptm
ĉe la Brisbane Square Library.
Kay Anderson 07 3372 7006



# La Brisbana Esperanto-Kafklubo

kunvenas la kvaran sabaton de la monato je 3ptm
ĉe la Coffee Club en Brisbane Square.

Por pli da informoj vizitu http://www.meetup.com/Brisbane-Esperanto-Society/



# La Tasmania Esperanta Societo

kunvenas, ĉiun jaŭdon je la Metz trinkejo, Sandy Bay.
Je la 7-a ĝis 8:30 ĉe Metz kaj poste ni kutime kune vespermanĝas...

Roberto Budzul



# La Melburna Esperanto-Klubo

kunvenas ĉiujn lundojn, 6.30ptm ĝis 8.30ptm
ĉe Ross House, 247 Flinders Lane. (4a marto estis jara kunveno)

"La Melburna Klubo kiel kutime kunvenis pasintan lundon. Ni uzis la tempon por legi, kontroli, korekti kaj fari sugestojn pri "La Ŝlosilo" kiu Roger preparis por propagandaj tialoj. Ni estis sen Marcel kaj Jenny kiuj iris al Indonezio por la kongreso, sed Ken, Karlo, Heather, Jim kaj Esther ĉeestis.

Heather Heldzingen



# Esperanto Kafo Klubo de Kanbero

kunvenas ĉiujn vendredojn je la 5a ptm en Cafe Fontaine kiu troviĝas en la plej supra nivelo de la Canberra Centre.



# La Manlia Esperanto-Klubo.

kunvenas la unuan kaj trian Sabaton. 10atm
Bavarian Beer Cafe, Manly Wharf; Unu taso da senpaga kafo



# Esperanto-Domo Sidnejo

Grupo kunvenos Dimanĉon la 27an de Aprilo 12tm
Aferkunveno antaŭe je 11atm. Poste amuzkunveno kun manĝetoj.



# Torkio Esperanto Kafo Klubo - Viktorio

kunvenas la lastan dimanĉon de ĉiu monato 12tm

ĉe "La Kafo Klubo" Torquay Centra, (Orienta Fino). 41 Bristol Road,
Antaŭ ol veni: Telefonu 03 5261 2899 aŭ Mbl 0421043272
torquayesperantocoffeeclub@gmail.com

## Esperanto en Sudaŭstralio (La Adelajda Esperanto-klubo.)

kunvenas la unuan merkredon de ĉiu monato en La Box Factory, Regent Street South.
Kontakto: Bob Felby (08) 8242 1460.

Esperanto en Sudaŭstralio havis sian jarkunvenon la 3-an de aprilo. Partoprenis ĝin ok esperantistoj. Ni priparolis la financojn, instruadon, nian bultenon, la pasintjaran aktivadon kaj planis la ĉijarajn aranĝojn. La estraro de la klubo restas la sama, kiel en 2012: Trevor prezidanto, Sandor vicprezidanto, Indrani kasisto, Katja sekretario. Tamen Plu redaktos Cathy Taggart.



## Adelajda Esperejo

81/9 East Tce, ADELAIDE 5000, <mwearing@internode.on.net> tel (08) 8359-3373, estas hejmo de Max kaj Beth Wearing. Tie okazas kunveno ĉiu-sabate (kaj plej ofte ankaŭ vendrede) 10.30 - 12.00h.

## Esperanto League of Western Australia Inc.)

Anoj de nia ligo kunvenas monate la unuan sabaton por komitat-aferoj kaj la trian sabaton por konversacia lingvo-studado.

Ni tre bonvenigas vizitantojn. **esperantowa@hotmail.com** **Tel: (08) 9343 9532.**

## Ĉu via Klubo aktivas? Ĉu vi deziras aŭ havis vizitantojn?

ORMARBORDA ESPERANTO-GRUPO
NOVKASTELA ESPERANTO-SOCIETO
MELBURNA ESPERANTO KAFO KLUBO
MELBURNA ESPERANTA RENKONTO-GRUPO
SUDORIENTA ESPERANTO-KLUBO
GRUPO DE MELBURNAJ ESPERANTO-LERNANTOJ
TOOWOOMBA ESPERANTO-SOCIETO

## Esperanto in Australia Meetup group.

Mi ŝatus prezenti novan nomon por nia grupo kaj inviti ĉiujn Esperantajn klubojn de Aŭstralio esti parto de 'Esperanto in Australia Meetup grupo.'
Bonvolu, anonci viajn meetups ĉi tie: http://www.meetup.com/Esperanto-in-Sydney/
Dmitry

# AEA Informas

Aŭstralia Esperanto Asocio
ACN 121 495 789 C/- G.P.O. Box 2122, Melbourne 3001

Ĉu $241,600 aŭ pli? uzis AEA dum 7 jaroj 2005-2012 Ĉu oni deziras forgesi?
Ĉu la kontoj de tiu periodo estas sufiĉe detalaj por respondi al la demandoj?
Ĉu respondeco malaperas kun demisio?

## Sydney Language Festival 2013



Macquarie University, Macquarie Park, konstruaĵo W6A,
Sabaton, la 1an de Junio 2013 je 11atm
http://esperantowebdesign.com/sydneylanguagefestival/
Pri Esperanto ĝenerale: http://www.worldlanguage.info/
6 Aprilo 2013 kunvenis Dmitry Lushnikov, Marina Lobanova, Tatiana Bonch-Osmolovskaya, Louis
Diskutis SLF programon, elspezojn. Rekunvenos la 21an de Aprilo 12tm. Esp Domo.



## Indonezia Esperanto Kongreso

6/4/13 komenciĝis la Indonezia Esperanto kongreso. 6 aŭstralianoj aliĝis: Jennifer kaj Alan Bishop, Marcel kaj Robert Leereveld, Sandor Horvath kaj Franciska Toubale.

Foto de Marcel informis, Nicole

### Heidi Goes parolis je Indonezia Esperanto Kongreso

"La ideo por ĉi tiu kongreso estiĝis jam fine de la jaro 2010, dum mia dua instruvojaĝo. Plej verŝajne ĝi tamen restus ankoraŭ longe nur revo se Ivan kaj Heather Heldzingen en la Universala Kongreso en Kopenhago en 2011 ne estus proponinta al la du ĉeestintaj indonezianinoj Sabrina kaj Ilia kaj al mi moralan kaj grandan financan subtenon por ĉi tiu kongreso.

Dum kunveno en la Universala Kongreso en Hanojo kun pluraj indonezianoj, kaj Ivan, Heather kaj aliaj membroj de la Melburna Esperanto-Societo, tiu promeso iĝis pli konkreta. Ne estas maltroige diri ke Heather kaj Ivan instigis la Melburnan Esperanto-Societon subteni ĉi tiun kongreson kaj ke sen tiu subteno la kongreso aŭ ne jam realiĝus aŭ aspektus multe malpli impona.

Pro tio mi volus tutkore danki al la Melburna E-Societo, kaj estus al mi honoro povi danki ankaŭ al Ivan persone. Tamen, mi bedaŭras informi vin ke Ivan Heldzingen pasintmonate forpasis. Pro tio mi petas vin honore al li stariĝi kaj konservi unu minuton da silento.

# La unua Indonezia Esperanto Kongreso



Kune kun 5 aliaj Aŭstralianoj, mi havis la ŝancon partopreni la unuan Esperanto kongreson en Bogor, sur insulo Javo.

**Alvenante en Jakarto, mi tuj "miris" pri la nekredebla trafikŝtopiĝo. Busoj, motorcikloj, aŭtoj, ĉaroj … ĉiuj volas preni la limigitan spacon sur la stratoj.**



**Por la 20km de la flughaveno Soekarno–Hatta al la urbocentro, mi bezonis preskaŭ du horojn kaj eĉ la ŝoforo de mia taksio havis grandan malfacilaĵojn trovi mian loĝejon.**

La kongreso mem okazis en bela ejo, ĉirkaŭata de ĝardenoj, arboj kaj artefaritaj riveretoj, iomete ekster Bogor.



Partoprenis ĉirkaŭ 50 Indonezianoj kaj 20 eksterlandanoj, 10 el Japanio, 6 el Aŭstralio kaj kelkaj aliaj Azianoj kaj Eŭropanoj.. Dum la lastaj 4-5 jaroj Heidi Goes faris grandegan kaj mirindan laboron por revigligi la movadon en tiu lando kun 240 milionoj da loĝantoj.

(Baldaŭ UEA eldonos ŝian libron pri la historio de la Indonezia Esperanto movado!)



Ĉefe junuloj el 6-8 diversaj lokoj de la lando donis multe da energio kaj ĝojo al la evento. Ankaŭ tri E-o veteranoj partoprenis. Ili bone atestis ke Indonezio havis viglan movadon ĝis 1965.

Mi sentis min privilegiita atesti la momenton, kiam la unua membro oficiale aliĝis al la ĵus fondita IEA (Indonezia Esperanto Asocio)




La turista libro "Lonely Planet" diras, ke estas malfacile ami Jakarton. Tamen post 6 tagoj la komenca ĥaoso jam ne ŝajnis tiel ĥaosa kaj mi eĉ trovis kelkajn belajn, pacajn oazojn, kie oni estas for de la ĝenerala, senĉesa frenezo.



La AEA estraro kaj la Melburna klubo decidis inviti po unu esperantisto al nia venonta evento en Kanbero en januaro kaj ni komencis konsideri komunan eventon en Bali en 2015.

Mi tre esperas ke niaj najbaraj rilatoj bone evoluos.





Plej amike,
Sandor

Jen unuaj informoj pri la kongreso en Indonezio.
http://www.espero.com.cn/se/txt/2013-04/07/content_532242.htm

"Nun la mikrofonon prenis Heidi Goes. Ŝi dankis la Melburnan Esperanto-Societon pro financa subteno, kiu ebligis la realigon de tiu ĉi Kongreso. Ĉiuj stariĝis por silenta minuto por memorigi aŭstralian esperantiston Ivan Heldzingen, prezidanto de la melburna klubo, kiu antaŭ kelkaj monatoj forpasis."



Mi kunsendas foton, sur kiu vi vidas Marcel en la unua vico kaj Franciska en rozkolora robo. Kaj ĉu la viro kiu staras estas Sandor?

Amike, Nicole

La nombro de Facebook uzantoj kiuj indikis ke ili parolas Esperanton estas 150,000! Kontrolu mem: Amike, Nicole
https://www.facebook.com/pages/Esperanto/112347282113529

Kara Roger,
Mi bedaŭras esti ĝeno, sed ĉu vi povos meti mian avizon pri la Vintra Lernejo en la Novaĵleteron ĉiun semajnon? Se eble ankaŭ aldonu frazon dirante ke la semajno de la Vintra Lernejo estas ankaŭ la semajno de la Adelajdo Kabaredo, do homoj povos ĉeesti la Vintran Lernejon kaj ankaŭ kapti kelkajn bonajn distraĵojn poste.
dankon, Gordon.



## Vintra Lernejo en Junio

Mi ŝatus aranĝi alian vintran lernejon en Junio ĉi tiun jaron, dum la Reĝina Naskiĝtaga Longa Semajnfino kaj ŝatus scii kiom da homoj

deziras ĉeesti. Ni havus diversajn lecionojn en la matenoj kaj prezentojn en la posttagmezoj. Ankaŭ matena teo kaj kafo kaj tagmanĝo estos havebla.
Ĝi okazos en mia lernejo kaj estos malgranda kosto por kovri la teon, kafon ktp kaj ceteraĵojn bezonatajn. Ne uzita mono estos donacita al la lerneja studenta konsilantaro.
Gordon Coleman, Adelaide, Tottenham Boy in Exile.



Mi ŝatus montri kapfoton kun via letero. Se vi ne ŝatas la foton, kiun mi uzas, aŭ mi ne havas vian foton, mi petas vin sendi pli taŭgan kapfoton al mi.
Ni estas Esperanta familio kaj fotoj helpas la familianojn ekkoni vin.

# LETEROJ de la legantoj

Taŭga desegno aŭ foto, ne necesa, sed bonvena









La 29-an de marto naskiĝis en Melburno Jasmin, la filineto de Miranda kaj Pasa.
Bonvenon en nian mondon! Via vivo estu feliĉa.
sendis Katja



# RetRadio nun en alia loko

Pro la baldaŭa fino de la servo de Posteruso la 30-an de aprilo la Esperanta Retradio nun troviĝas en alia loko. La sonartikoloj nun estas elvokeblaj sub:

http://esperantaretradio.blogspot.co.at

La paralela alŝutado de la sonartikoloj al tiu ĉi retejo de Posteruso daŭros nur ĝis la 20-a de aprilo.

Ĉiujn aktualajn kaj malnovajn sonartikolojn vi trovas en la

**Programlisto**

**Ĉ, Ĝ, Ĵ, Ĥ, Ŝ kaj Ŭ** Solvoj, diskutoj, angle http://www.esperanto-usa.org/en/node/108 Roger



Kara Roger,

Menso estas kiel paraŝuto. Ĝi ne funkcias kiam ĝi estas fermita.

Vidu bildon. Amike, Nicole




La nova „KEY“ ne plu estas nur ideo, sed atingis la staton pri kiom kostos produkti ĝin.

Mi kredas, ke valoras presi ĝin, sed ne estas mia mono.
Amike Roger

## Vortoj de "Lernu"

TIKLI
1. Per delikataj kaj ripetaj ektuŝoj de iuj partoj de la korpo kaŭzi sensaĵon, kiu estigas konvulsian ridon:
Patrino tiklis sian bebon per plumo.
Mi estas tre tikliĝema (tuŝotima).
2. Agrable eksciti:
Tiu muziko agrable tiklas la orelojn.
Ŝi ofte eksentas tiklon memorante liajn karesojn.
Mi ne scias, kiel solvi tiun tiklan aferon.
Se vi sentas tikladon en la gorĝo, povas esti, ke vi malsaniĝos.

SOIFI
1. Senti bezonon trinki:
Multaj homoj en Afriko suferas pro soifo.
Mi sukcesis kvietigi la soifon per akvo de fonto.
Vi estas laca, soifa kaj malsata, do vi manĝu, trinku kaj ripozu.
Oni konsilas trinki akvon por sensoifigi sin.
2. Forte deziri:
Ili soifis venĝon al siaj malamikoj.
Li estis soifanta al libero.

STAGNI
1. Restadi senmova:
Stagnanta akvo.
2. Restadi senmova, senaga, malaktiva:
La komerco stagnas.
Ĉu la movado progresas aŭ stagnas?
Dum lastaj jardekoj la nombro de la naskiĝoj stagnas.